# INTERKULTURO per Esperanto – PONTO al la tuta mondo



# juna amiko

INTERNACIA ESPERANTO-REVUO DE **ILEI**
POR LERNEJANOJ KAJ KOMENCANTOJ

SEPTEMBRO 2000

N-ro 3 (94)

## Pri la lingv'aĵo kaj ortografio[1] de juna amiko

Sen pied'notoj ni uzas nur la plej oftajn 1500 vort'radikojn. Tiuj ĉi vortoj aperis en: ***Esperanto, Minimum szótár*** (1995), kiu jam plene el-ĉerp'iĝis. Nun ili estas al-ir'eblaj ĉe Interreto, en la hejm'paĝo de Juna Amiko: *http://www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto*

**Krom-signoj**, kiuj helpas komenc'antojn:

**Divido-streko(-)** trov'iĝas inter la elementoj de vort'kun-metoj, kiam ne mankas fin'aĵo, ekzemple: tablo-tuko, el-iri ...

**Vertikala strek'eto (')** signas mankon de finaĵo: bild'karto, verd'iĝi ...

Kiam io helpas la rekonon, kiel ekzemple: tuttaga (tt) aŭ la vorto revenas en la sama artikolo aŭ kiam la vorto estas tre kon'ata jam por komenc'anto (esperantisto, patrino... ) ni ne uzas kromsignojn.

Vi ofte trovas komojn (,). Ankaŭ per tio ni deziras helpi komencantojn.

1. regul'aro de la ĝusta skribo.

☺

***Sur la titol'paĝo:***
***La 11-jara***
***Alberto Nagy***
***[Nadj]***
***el Rumanio***

# *Iom pri toleremo*

TOLEREMO JEN ŜLOSILO POR PACA KUN VIVADO

*Hom'eco kaj toler'emo inter-de-pendas. Oni ofte uzas ilin, precipe toleremo estas en modo, lasta-tempe.*

*La homo estas konsist'iga ero kaj ne estro de la naturo. Kun la tempo lia iama intima kontakto kun ĝi malfort'iĝis, la homo ĉiel deziras venki la naturon kaj estri ĝin. Plie, ne nur ĝin, sed unu hom'grupo alian, eĉ unu individuo alian. Kien tio kondukas?*

*Se la homo ne sub-premos en si mal-san-ecan egoismon[1], t.e. se li ne toleras ĉirkaŭ si ali'econ, li pere'igos[2] sin kaj grave difektos la naturon.*

*Nur akcepto de divers'eco, nur toler'ado de ali'eco kaj kompren'emo al "fremdaj" interesoj povas garantii[3] homan vivon sur la tero. Tamen, toleremo ne signifas nepre akcepton de fremdaj opinioj, ne povas signifi liberecon de per-forta reg'ado super ali'uloj, ĉar neniu havas la rajton regi super la vivo de aliaj individuoj.*

*Kiel el-formi en ni veran toleremon?*

*Antaŭ ol el-diri kondamnajn[4] vortojn, ĉiufoje pensu pri tio, kiel vi agus, se vi estus en la vivo-stato de la koncern'ulo kaj pensu ankaŭ pri tio, ĉu per tio li/ŝi volas potencon super aliaj homoj aŭ ne. Se jes – ne estu tolerema, se ne – akceptu lian/ŝian mal-sam'econ, ĝi ne baros vian liberecon.*

*Geza Kurucz*
*redaktoro*

1. troan mem-amon / 2. mort'igos / 3. cert'igi fid'ind'econ / 4. negative pri-juĝajn.

## LA PLEJ JUNA KURS'GVID'ANTO

Re-iru al la titol'paĝo kaj vidu la foton de ***Alberto NAGY***. Antaŭ kelkaj semajnoj li surprizis[1] min per son'bendo, kiu sur-havas lian voĉon kaj tiujn de liaj ge-amikoj. Unue, Alberto rakontas pri si. El lia rakonto mi scias, ke li naskiĝis en la historie memor'inda jaro 1989. Li ek-lernis Esperanton en 1993 kune kun la patrino kiu, antaŭ du jaroj, fariĝis nia grafik'isto[2]. Alberto lernas eminente. En junio li finis la kvaran klason de la elementa[3] lernejo n-ro 6 *"Dimitrie Cantemir"* en Oradea. Liaj prefer'ataj stud'objektoj: franca lingvo, matematiko, scienco kaj literaturo. Li ŝatas ankaŭ desegni.

Kiel li fariĝis kursgvidanto? Alberto loĝas kun sia patrino en granda plur'etaĝa domo en Oradea, okcidenta Rumanio. La sam'domaj geknaboj aŭdis Alberton kaj lian patrinon kanti en iu fremda lingvo. Ili demandis lin, en kiu lingvo ili kantas kaj parolas? La sci'volo ven'igis ilin al nia lingvo. Unu post la alia ili petis lin instrui la lingvon. Kiuj estas liaj "lernantoj"? *Dani HENT*, 11-jara knabo, kiu en flua Esperanto prezentas sin en la ricev'ita son'materialo. Unu etaĝon super Alberto loĝas *Madalina ROTAR*, 13-jara knabino kun bela kant'voĉo. La plej "mal-proksima" najbaro-lernanto kaj sam'tempe la plej "maljuna" (16-jara!) estas *Johano BARNA* el la 3-a etaĝo. Ĝis la sur-bend'igo de lia voĉo, li ricevis nur du lecionojn, tamen bele li parolas en nia lingvo. Tio atestas pri la ekster-ordinara kapablo de nia Alberto kaj la talento de Johano.



Alberto (meze) kun siaj francaj geamikoj

Desegnis: Alberto Nagy

Gratulon[4] kaj multajn sukcesojn al li!

1. est'igis miron per ne-atend'ita ago / 2. ilustr'isto, desegn'isto / 3. baz'grada / 4. bon'deziro okaze de sukcesa ago, laboro.

**NIA KULTURA HEREDAĴO[1]**

*En tiu ĉi rubriko vi trovas bildojn el la Esperanta literatura heredaĵo per la plumo de nia fidela kun-laboranto, el-stara islanda poeto,* ***Baldur Ragnarsson****. Konsciu, ke sen bazaj scioj pri nia historio kaj literaturo oni ne povas fariĝi cel'konscia esperantisto, sukcesa pled'anto por nia nobla ideo. (Red.)*

**BILDOJ EL LA HISTORIO**

## 11 *Julio Baghy [Bagi]*

Unu el la plej fekundaj[2] kaj mult'flankaj verk'istoj en Esperanto dum la inter-militaj kaj post-militaj jaroj estas la hungaro *Julio Baghy*. Li naskiĝis en 1891. Lia familio havis longan tradicion de la teatra profesio kaj, kiel junulo, li stud'adis en aktora lernejo. Li ek-lernis Esperanton en 1911 kaj baldaŭ poste partoprenis Esperantan aktiv'adon. Sed venis la milito kaj Baghy devis soldat'iĝi. En septembro 1915 li estis kapt'ita kaj, poste, devis pas'igi jarojn en diversaj rusaj milit'kapt'it-ejoj. Tiuj spertoj donis gravan materialon al multaj liaj poemoj kaj al du el liaj romanoj.

En la fino de 1920 Baghy revenis al sia hejm'lando. Li fariĝis kun-fond'anto de la grava literatura revuo *Literatura Mondo* kaj komencis vojaĝ'adon por gvidi kursojn, prelegi kaj helpi la Esperanto-mov'adon en multaj landoj. La periodo[3] 1939-1954 estis mal-facila, sed poste Baghy denove komencis okupi sin pri Esperanta laboro kaj verk'ado. Tion li faris frukto-done ĝis sia morto en 1967.

Baghy aŭtoris verkojn de ĉiuj ĝenroj[4]: poezio, romanoj, noveloj, dramoj. Sian verkistan karieron[5] li komencis per poem'libro ***Preter la vivo*** (1923). Pliajn kvar poem'arojn li verkis: ***Pilgrimo***[6] (1926), ***La vagabondo***[7] ***kantas*** (1933), ***Ĉiel'arko*** (1966) kaj ***Aŭtuna foliaro*** (1970).

Lirik'emo[8] kaj elokvento[9] karakterizas la poemojn de Julio Baghy. Li ne celis ellabor'itan



Julio Baghy

# LITERATURO DE LA ESPERANTA

artan rafin'it'econ[10] aŭ poezian lingv'aĵon. Tial liaj poemoj estas ĝenerale facile leg'eblaj kaj tial taŭge en-kondukas junajn leg'antojn en la Esperantan poezion. Baghy parolas al siaj legantoj pri viv'realaj temoj, ofte intime[11] ligitaj al liaj propraj vivo-spertoj kaj memoroj, ia-foje melankoliaj[12] kiel la sekv'anta *(Ĉe samovaro[13])*, kiu estas unu el liaj plej kon'ataj poemoj.

*Ĉe malnova samovaro*
*sidas ruso kaj hungaro.*
*Dum la akvo zume bolas*
*la amikoj ek-parolas:*
*"Havi landon en libero,*
*tamen migri tra la tero,*
*iri vojon, sed sen-celan...*
*Ĉu vi konas pli kruelan[14]?"*
*La hungaro ne respondas,*
*liaj pensoj ĝeme[15] ondas,*
*viŝas larmon re-ten'itan:*
*"Havi landon, sed perd'itan..."*
*Ĉe malnova samovaro*
*sidas ruso kaj hungaro.*
*Dum la akvo bolas zume*
*ili ploras, ploras kune.*

*(Pilgrimo,* 1926*)*

Baghy ofte uzas simplajn strofoformojn kiel la ĉi-suprajn, sed ankaŭ malpli simplajn. Efektive la vari'eco estas terure granda. Laŭ kalkulo (de Majorie Boulton) oni povas distingi 174 diversajn strofoformojn inter la 322 poemoj en la kvin poemlibroj de Baghy. Li ne emis en-fermi siajn sentojn en formulojn[16] antaŭe pretajn, la rilato inter en-havo kaj formo havas mem-sekvan karakteron.

Julio Baghy verkis tri romanojn. Liaj romanoj, ***Viktimoj*** (1925)

kaj ĝia daŭr'igo, ***Sur sanga tero*** (1935) estas baz'itaj sur liaj spertoj kiel militkaptito en Siberio. Ili havas tie siajn temajn radikojn kaj parte tenas, do, dokumentan[17] valoron, iliaj pri-skriboj de la kruel'iĝo de homoj al homoj, kiam ili fariĝas viktimoj de mal-hom'ecaj aŭ ideologiaj[18] cirkonstancoj[19], havas pli vastan signifon. Viktimoj estas ne nur la sufer'antoj, sed ankaŭ la sufer'igantoj. La temo de tiuj du libroj havas, do, universalan[20] validon. La stilo de la du libroj estas grandparte dialoga, preskaŭ teatr'eca. Tiu stilo estis tiam io nova en la Esperanta literaturo kaj havis tiom pli gravan valoron.

La plej granda romano, ***Hura*** (1930), ankaŭ temas pri suferoj, sed estas pli komplika[21] verko, unu-flanke satira[22], ali'flanke romantika[23]. Tiu mikso tamen havas real'ecan impreson[24], eble tamen atend'eblan, ĉar kritik'emo kaj sent'emo ofte kun-iras en la vivo mem. Optimismo kaj pesimismo, emocioj kaj inteligento inter-luktas en la romano, kaj la verkisto klopodas trovi ekvilibron[25] inter tiuj kontraŭaj fortoj. Vivaj dialogoj ec'igas tiun romanon same kiel la siberiajn romanojn, la dialogoj dram'igas la stilon, kvankam ili ofte havas filozofian karakteron. Tiu granda romano, ampleks'anta 466 paĝojn, estas sen-dube la plej interesa verko de Baghy.

Ankaŭ la noveloj kaj teatraĵoj de Baghy meritas atenton. Lia teatraĵa ĉef'verko estas la verso-dramo ***Sonĝe sub pom'arbo*** (1958). Tie la verkisto kun-igas la genezan[26] miton pri Adamo kaj Eva kaj scienc'fikciajn elementojn.

En-tute, aperis de Julio Baghy 18 libroj. La varieco de ĝenroj atestas lian verkistan mult'flankecon, stile li estas majstro de la dialogo. Sia-tempe li, la homo mem, estis kvazaŭ idolo de la ĝenerala esperantist'aro; lia samland'ano, la Esperanto-verk'isto *Tárkony* [Tarkonj], eĉ nomis lin en verso *"paĉjo de l' tuta mondo Esperanta"*. Tiu kulto estas forges'ita, sed la plej bonaj verkoj de Julio Baghy daŭre vivos inter la plej gravaj kre'aĵoj en la internacia lingvo.

1. hav'aĵo, ricev'ita post antaŭ-ulo(j) / 2. nask'emaj, kreemaj / 3. inter-tempo / 4. specoj de verkoj / 5. profesian vivo-vojon / 6. vojaĝo al "sankta loko" / 7. migr'anta sen-hejm'ulo / 8. poezie delikata emo / 9. kapablo bele paroli / 10. troa art'ismo / 11. kor'proksime / 12. dolor'ige mal-gajaj / 13. te'kuir'ilo / 14. sen-kompatan / 15. ĝemi: pro mal-ĝojo longe el-spiri / 16. ĝenerale validajn strukturojn / 17. oficiale fid'indan / 18. ideologio: sistemo de instruoj pri mond'rigardo / 19. kondiĉoj inter kiuj io okazas / 20. ĉie kaj ĉiam validan / 21. mal-simpla / 22. moke kritika / 23. efik'anta sur la sentojn / 24. efikon / 25. egal'pezon / 26. genezo: historio de est'iĝo.

stefan.macgill@galamb.net

Redakt'ata de Stefan MacGill
pf. 193
HU-1368 Budapest
Hungario

*Ludmila*
*JEVSEJEVA:*

# Ĉu li eraris?




Kiu estas ĉiam brava[1]?
— Mi!
Kiu estas ĉiam prava?
— Mi!
Kiu estas plej kuraĝa?
— Mi!
Kiu estas tute saĝa?
— Mi!
Kiu ĉie bontonas[2]?
— Mi!
Kiu ĉiam fanfaronas[3]?
— Mi!???

Do, ne estas vi brav'ulo,
sed, ho ve, nur ronda nulo.
— Ne, pardonu! — Pit ekkriis,
— Tion mi ERARE DIRIS.

**1. heroe sen-tima kaj help-ema / 2. tre ĝentile kondut-as / 3. tro fieras pri siaj ka-abloj.**



| | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1 | 2 | 3 | ■ | 4 | | 5 | 6 |
| 7 | | | 8 | | ■ | 9 | |
| ■ | 10 | | | | | | |
| 11 | | | | | ■ | 12 | |
| | ■ | 13 | | ■ | 14 | | |
| ■ | 15 | | | 16 | | | |
| 17 | | | ■ | 18 | | ■ | |
| 19 | | ■ | 20 | | | 21 | |
| ■ | 22 | 23 | | | | | ■ |
| ■ | 24 | | | | ■ | 25 | |

# Kolor plena kruc enigmo

*smg*

**R = uzu nur la radikon, tio estas, vorton sen fin'aĵo**

**HORIZONTALE:**

1. Infano sen gepatroj. (R)
4. Parto de homo aŭ besto, de kolo ĝis la supro de la kruroj. (R)
7. Mal-rekta parto de vojo. Tie turn'iĝas aŭtoj.
9. "De lundo ĝis vendredo mi __as al lernejo."
10. Loko kun plantoj, floroj, legomoj kaj arboj apud domo.
11. Manĝo kun viando kaj legomoj en densa saŭco.
12. Grupo (mallonge).
13. La Infana Kongres'eto estas por knaboj kaj knab__oj.
14. Uzo de io (domo, aŭto, televid'ilo...) dum difin'ita tempo kontraŭ mono.
15. Hel'kolorajn (kiel la suno dum la mezo de tago).
17. La koloro de la unua medalo en la Olimpiaj Ludoj.
18. Sufikso, kiu indikas part'eton de la tuto.
19. Vort'eto, kiu montras, ke oni parolas pri kon'ata, difin'ita aĵo.
20. Gravas, ne prokrast'eblas.
22. Petas kaj promesas pagi post la ricevo de io (libro, gazeto, biletoj, loko en restoracio...)
24. La koloro de sennuba ĉielo.
25. Tio, kio ek-estis antaŭ aŭ post la kokino. (R)

VERTIKALE:

1. Kvaroble du.
2. La koloro de fajro-aŭtoj kaj halt'igaj trafik'lumoj.
3. Romp'ebla, delikata.
4. Sekreta skribo-sistemo, ekz. de Morso.
5. Loko, kie oni tenu fingro-ornam'aĵon. (R)
6. Ofertas, rekomendas.
8. La koloro de ĉokolado.
11. Prefikso kun signifo "denove".
14. Vasta. Kun longa distanco inter la du flankoj.
15. Ruĝa bon'gusta frukto, kiu kreskas sur arbustoj. (R)
16. La koloro de Esperantista stelo.
17. "Mi estas pli lerta __ vi!"
20. Sep minus ses.
21. Lud'karto kun nur unu simbolo.
23. Li levis sin __ la lito.

①





②



③



④



## FAMAJ PONTOJ

⑤



Jen bildoj de ses famaj pontoj en la mondo. Diru la nomon de la ponto kaj en kiuj urbo kaj lando ĝi troviĝas (aŭ troviĝis). Respondoj ven'ont-numere.

Kiu nova, tre longa ponto kaj tunelo ĵus mal-ferm'iĝis? Kio rajtas tra- kaj trans-iri ĝin? Kiuj landojn ĝi ligas?

Kiujn el tiuj pontoj vi mem vidis en televido aŭ filmoj? Kaj kiujn en re-alo?



⑥



# Mia kara kamarado[1]

Finna popola rondo-kanto

Teksto: *Sylvia Hämäläinen*
*Anja Karkiainen*







Via mano en la mia rati-riti-ralla.
Kune kun vi en la rondo rati-riti-ralla.



Via dorso kontraŭ l' mia rati-riti-ralla.
Kune kun vi en la rondo rati-riti-ralla.

Via flanko ĉe la mia rati-riti-ralla.
Kune kun vi en la rondo rati-riti-ralla.



Nun mi diras "Ĝis revido" rati-riti-ralla.
Mia kara kamarado rati-riti-ralla.

***Laŭ la unuaj versoj la infanoj ludas, dum la duaj ili rond'iras. En la lasta strofo[2] ili man'svingas[3] al la partnero[4] kaj for-iras por trovi novan partneron, kun kiu ripet'iĝas la tuta ludo.***



1. amiko; hom'frato / 2. vers'aro / 3. ripete mov'etas tien kaj reen / 4. kun-ul(in)o.

Fatalan[2] tagon de oktobro 1999 ciklono[3] sku'egis kaj for-detruis la mar'bordan regionon de la ŝtato Orisao en nord-orienta Hind'ujo. Centoj da vilaĝoj kun miloj da homoj kaj brutoj estis for-viŝ'itaj per la gigantaj ond'egoj de la furioza[4] maro.

# FAKTO PLI STRANGA *ol fikcio*[1]



1. el-pens'ita ne-reala historio / 2. tro mal-feliĉan / 3. turno-vento / 4. sen-lime frenezan / 5. muĝi: bovo-bieki / 6. pajlo: trunk'eto de pan-herboj / 7. subite dis-batis, neniigis / 8. mortis / 9. pika moko / 10. antaŭ-difin'ita de la sorto.

La tondra muĝ'ado[5] de la al-proksim'iĝ'anta kolon'ego el mar-akvo aŭd'iĝis ĉie en la vilaĝo Ĝatapasio. Loĝ'anto, Mandal fuĝis sur la pajla[6] tegmento de sia dom'eto kune kun siaj edzino, du filoj – 10 kaj 6-jaraj –, la infan'eto kaj la dom'hundo.

Kiam la rapide kur'anta akvo-kolono frakasis[7] la dometon, ĉiuj estis for-pel'itaj. Mandal kaj lia edzino estis for-bala'itaj kaj pereis[8] en la maro.

Male, la fidela hundo iel sukcesis naĝi kaj per sia buŝo tenis la man'eton de la infaneto kaj tiris ĝin, dum la pli aĝaj fratoj al-kroĉis sin al la hundo, ĝis ili atingis sekuran lokon kaj tiele estis sav'itaj.

La ironio[9] de la rakonto estas ke la mastro de la hundo, nur tri tagojn antaŭe, venenis la manĝ'aĵon de la hundo, kiu mordis kelke da vilaĝ'anoj. Sed la hundo ne manĝis ĝin kaj tial ĝi ne mortis. Eble, ĝi estis destin'ita[10] por vivi kaj savi la vivojn de la infanoj de sia mastro.

Nu, tiu hundo estis nek purrasa, nek granda, sed estis nur kamp'ara kaj ordinara.

***Ĉu kred'ebla estas la rakonto? Certe, oni devas kredi, ĉar ĝi estas vera, kvankam pli stranga ol fikcio!!!***

*s-ino* SARANATH (Hindio)

# INTERVJUO[1]

## *kun Sabira STAHLBERG, redaktoro de*

# KONTAKTO



▪ ***Tre ver'ŝajne vi estas la plej universala[2] fenomeno[3] en la junulara Esperanto-movado. Se mi demandas vin pri la naci'eco, kiel vi respondas?***

Ke mi havas finn-landan pasporton, parolas la ĉinan, redaktas gazeton, kiu leg'iĝas en pli ol 90 landoj kaj vivas sur la balkana duon'insulo. Tio kutime sufiĉas por demand'em'uloj kaj mi evitas plian sci'vol'emon...

▪ ***Ĉu vi estas de-naska esperantisto?***

Ne, 13-14-jara mi lernis Esperanton kune kun mia patrino kaj fratino. Kiam la tuta familio ĉeestas, ni parolas kutime Esperanton.

▪ ***Kie vi naskiĝis kaj en kiuj landoj vi vivis plurajn jarojn?***

Mi naskiĝis kaj vivis miajn unuajn dudek jarojn en Finnlando. Mi pasigis, en-tute, jaron en Ĉinio kaj jaron en Tajvano kaj tri jarojn en Germanio, kie mi doktor'iĝis. De preskaŭ kvar jaroj mi vivas en Bulgario. Kaj mi ĉiam multe vojaĝas...

▪ ***Kiam vi konatiĝis kun TEJO[4]? Ĉu vi havis funkcion[5] en la estraro antaŭ ol ek-labori kiel redaktoro de Kontakto?***

Tuj post ek-lerno de Esperanto mi iris al Internacia Junulara Kongreso. Oni proponis al mi jam tiam ek-aktivi en TEJO, sed nur en 1991 mi estis kapt'ita por la estraro. Mi estis vic'prezid'anto de TEJO (1991-93) kun respond'eco pri eksteraj rilatoj kaj plian jaron komisiito[6] pri Azio. De jaro mi re-foje intense[7] kun-laboras kun TEJO, ĉi-foje kiel konsilanto.

▪ ***Ĉu vi estas profesia ĵurnalisto?***

Laŭ mia eduko – ne. Sed mi havas praktikon: ok jarojn mi laboris kiel radio- kaj televido-ĵurnalisto en Finnlando; kunlaboras kun diversaj revuoj, kaj mi mem verkas multon en Esperanto. Jam el-don'iĝis du miaj libroj, pri Ĉinio – *Malantaŭ la muro* kaj roman'eto, kiu fariĝis La Verko de la Jaro 1999 – *Durankulak*.

▪ ***Pro tio permesu al mi tut'kore gratuli. Cetere, kiu via verko estas plej proksima al la koro?***

Ĉiam la plej lasta estas la plej proksima. Ĵus mi verkis artikolon pri Ĉinio por finnlanda gazeto, sekve ĝi plej proksimas. Sed miaj verkoj ekvivas sian propran vivon, kiam mi fin'redaktis ilin. Kiam mi re-legas proprajn tekstojn, estas kvazaŭ mi legus verkon de iu alia, mi ne plu sentas ilin "miaj".

▪ ***Kio estas furora[8] temo por la legantoj de Kontakto?***

Ekologio[9], politiko, kulturo, socio, religio kaj... Bumerango[10], kiu estas la opinio-paĝo de Kontakto. Momente okazas vigla debato[11] pri nuklea energio kaj pri leĝ'igo de haŝiŝo, dum daŭras pli longa diskuto pri milito kaj paco. Sed vere la plej furora paĝo ĉiam estas la intervjuo!

▪ ***Kiajn redaktajn gvid'principojn[12] vi havas?***

Kontakto estas soci'kultura revuo, kio signifas, ke ĝi reflektas[13] la mondon, en kiu ni vivas. Tio estas la plej grava gvidprincipo de la revuo. Krome, mi ĉiam atentas pri *internaci'eco, aktual'eco, varieco* kaj *mal-ferm'it'eco*.

▪ ***Dank' al via brava[14] kun-labor-ant'aro Kontakto bon'ege realigas tiujn principojn. Mi scias, ke vi havas propran el-don'ejon. Ĉu tie aperas nur esperant'aĵoj?***

Aperas libroj en ajna lingvo, kiun povas legi la komputilo. La unua verko, kiun mi eldonis estis... en la turka! Momente tamen ĉefe aperas libroj en Esperanto. Laste aperis (junio 2000) ret'mesaĝ'aro de *Zoran Ćirić* pri NATO-atako kontraŭ Jugoslavio en printempo 1999.

▪ ***Kio vin kaptis en Esperanto? Kun kiom da landoj vi havas kontakton per la internacia lingvo?***

Unue min kaptis ĝia internacieco, sed tio jam fariĝis normal'eco. Mi ne plu scias, en kiom da landoj mi havas amikojn, kon'atojn, kunlaborantojn, aŭ el kiom da landoj mi ĉiutage ricevas ret'poŝton... Nun min interesas en Esperanto ties ebl'ecoj – komunik'ado rapida, facila transdono de informoj kaj scioj, sen-pera kontaktado kun homoj el ajna angulo de la mondo ktp. Kaj kompreneble, ĉiuj interesegaj aferoj, kiujn oni povas fari kaj ekkoni per Esperanto.

▪ ***Kiel Juna Amiko povas helpi, via-opinie, eduki legantojn por Kontakto?***

*(Daŭr'igo sur la sekva paĝo!)*

**1. speco de artikolo en formo de interparolo kun ĵurnal'isto / 2. tre mult-flanka, ĉie kon'ata / 3. aper'aĵo / 4. tegmenta organiz'aĵo de la esperantista junularo tut'monda / 5. gravan laboron en organiz'aĵo / 6. komisii: doni al iu taskon plen'um'otan kaj respond'eci pri tiu tasko / 7. tre aktive; multe / 8. laŭ-mode sukcesa / 9. scienco pri natur'protekt'ado / 10. jet-sport'ilo, kiu re-venas al la jet'into / 11. pri-diskuto / 12. grava ideo, laŭ kiu io estas gvid'ata / 13. re-spegulas / 14. kuraĝa kaj lerta / 15. ĉerpu entuziasmon, elanon.**

*(Daŭr'igo de la paĝo 13)*

Lingve, socie kaj kulture konsciiĝi la legantojn, ankaŭ pri Esperanto kaj ĝia movado. Mi vidas, ke Juna Amiko plen'umas gravan rolon en tio kaj volas ĉi tie kore gratuli al Juna Amiko pro bon'ega laboro. Ofte mi rimarkas, ke precipe junaj esperantistoj scias mal-tro pri Esperanto kaj ties historio kaj pri homoj en aliaj mondo-partoj. Tial gravas revuoj kiel Juna Amiko kaj Kontakto – por ke oni lernu, konciiĝu, inspiriĝu[15].

▪ ***Kion vi rekomendas kiel leg'aĵon por la legantoj de nia Juna Amiko?***

Mi proponas legi ĉion – verkojn pri Esperanto-historio, modernajn verkojn, ankaŭ literaturajn! Aperas nuntempe libroj por ajna gusto... Kaj ankaŭ muziko – aparte mi volas rekomendi la diskojn de Kolekto 2000 de Vinilkosmo. Indas vere konatiĝi kun Esperanto-kulturo!

*Geza KURUCZ*

**PROTEKTU VIAN MEDION!**

# HELPU BIRDOJN!




## NUTR'ILO POR BIRDOJ

Oni ofte aŭdas plendojn, almenaŭ en Svedio, ke la junul'aro mal-multe scias pri botaniko[1] kaj zoologio[2], ĉar pli gravas la scioj pri tekniko kaj socialaj[3] aferoj.

Tamen, ekster la lerneja laboro, multaj ge-junuloj diligente studas specialan parton de zoologio, nome: **ornitologion**[4]. Estas ŝat'ata hobio[5] koni la birdojn kaj studi ilin en la naturo.

Oni volas ankaŭ vidi ilin ĉe sia domo kaj somere kaj vintre. Tiu-cele, tre multaj homoj nutras la birdojn dum la vintro. En specialaj vend'ejoj oni povas aĉeti konvenajn grajnojn[6] kaj aliajn semojn por birdoj. Bedaŭr'inde, oni ofte metas la grajnojn sur tabulojn aŭ en skatolojn, kie la birdoj povas mal-pur'igi la nutr'aĵon per sia fek'aĵo[7]. Tiel mal-sanoj ofte komunik'iĝas al multaj birdoj. Por eviti tion mi jam dum pluraj jaroj uzas specialan nutr'ilon, kiun mi montras al vi per du desegnaĵoj ĉi tie.




La nutrilo estas far'ita el tabul'pecoj 2 centimetrojn dikaj. La mal-antaŭo el fibroplato[8] 0,5 cm-ojn dika. La de-pren'ebla supro estas teg'ita per aluminia[9] lado[10]. Metal'fadenoj kun ĉirkaŭ 2,5 cm inter-spaco mal-helpas la birdojn sur-iri la nutraĵon. Per metalfadeno oni fiksas la nutrilon sur fosto[11]. Se oni ligos ĝin al arbo-trunko, oni muntas[12] sur ĝia dorso la ligno-pecojn A kaj B.

*Malte MARKHEDEN,*
Svedio

1. scienco pri la kresk'aĵoj / 2, scienco pri la bestoj / 3. rilataj al la socio / 4. sciencon pri la birdoj / 5. ŝat'okupo / 6. semojn en mal-molaj ŝeloj / 7. feki: mal-manĝi / 8. arte-far'ita maldika tabulo el kun-prem'itaj lign'eroj / 9. aluminio: mal-peza blanka metalo / 10. vasta plato el metalo / 11. longa kaj rekta ligno-peco por bar'ilo, ekzemple / 12. konvene al- aŭ kun-metas.

# KONSTANTA KONKURSO POR VI en juna amiko

Ni multe bedaŭras, ke el la konkurs'antoj de la 2-a kategorio (mez'lernej-anoj) – pro someraj ferioj en la norda hemisfero – sendis siajn solvojn nur unu persono. Ĉe ili ŝanĝ'iĝis, do, preskaŭ nenio.

Karaj konkursantoj de ĉiuj kategorioj. Ni petas vin tuj reklamacii, se iu el la taskoj estis mis-korekt'ita aŭ miskalkulita. Adreso: *Juna Amiko, Hitel u. 10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario.* Retadreso: *<junaamiko@esper-anto.nu>.*

Se vi havas proponojn, informu nin laŭ la supra adreso. Dankon!

**Vi povas partopreni en la kvizo post ioma ajn n-ro. Provu mezuri viajn sciojn lingvajn kaj kulturajn. Ne forgesu, ke solv'ante la task'etojn vi povas konsulti librojn kaj gazetojn.**

La regularon vi trovas en la numero: 1/00 (92), marto 2000.
Kompletajn listojn vi trovas en nia hejm'paĝo. Vizitu ĝin, ni petas:

***www.banyai-kkt.sulinet.hu/esperanto***

## INTERKULTURAJ KLASOJ, ATENTU!!!

Ni malfermas por vi **apartan konkurson**. Via klaso provu kolektive solvi la apudajn taskojn kaj sendi la solvojn **rete** aŭ **papere** al la don'ita adreso.

*Antaŭ la solvoj troviĝu jenaj indikoj:*

1. La siglo[1]: **IK** (=**Interkulturo**);
2. Nomoj de la **lernejo** kaj **E-instruisto**;
3. **Lando** kaj **urbo** de la klas'anoj;
4. Meza **aĝo** de la klasanoj.

La plej lertaj klasoj estos **premiitaj** post ĉiu dua turniro.

Atentu pri la **lim'dato**. Ne prokrastu la laboron, **tuj** ek-solvu la taskojn!

**1. mallong'igo kiu konsistas el la komencaj literoj.**

***La plej lertaj solv'intoj de la junia numero (Redaktis kaj korektis: Geza KURUCZ, Hungario)***

**1-a kategorio:**
*Fruzsina Kiskartali* (gr)*:* 30 p. (Hungario)

**2-a kategorio:**
*Marija Mitevska:* 25,5 p. (Makedonio)

**3-a kategorio:**
*Maria Molnár:* 30 p. (Hungario)

***Post du turniroj ĉe la pinto:***

**1-a kategorio:**
*Fruzsina Kiskartali, HU* (gr)*:* 59 p.
**2-a kategorio:**
*Marija Mitevska, MK:* 52,5 p.
**3-a kategorio:**
*Maria Molnar, HU:* 59 p.

**Elkoran gratulon!**

n-ro 3 **11-a konkurso-jaro** Lim'dato: 1.XI.2000

1. Finu la proverbon: *Alian ne mallaŭdu, vin ... .. ....... .* (3 poentoj)
2. Kiel nomiĝas la mesaĝo de UNESKO por la jaro 2000? (2 poentoj)
3. Faru almenaŭ 15 vortojn per la literoj: *a, e, k, l, m, n, o, p, u* (3 poentoj)
4. Korektu la tekston de eta Manjo: (3 poentoj)
   *Mia vizaĝo estas eta kaj bela. En ĝi kreskas grandaj potarboj.*
   *Tamen , mia franjo plej ŝatas manĝi aranĝojn kaj ĉerizojn.*
5. Skribu po tri sinonimojn[1] por la vortoj: *gaja, lampo, ruĝa* (3 poentoj)
6. Skribu almenaŭ 15 vortojn kun la radiko *kap-*. (3 poentoj)
7. Listigu almenaŭ ses muzikilojn. (3 poentoj)
8. Kiu parto de Biblio estis tradukita de L.L.Zamenhof en Esperanton? (2 poentoj)
9. Invitu viajn amikojn al la Zamenhofa festo-tago. (4 poentoj)
10. Donu la nomojn de almenaŭ kvar urboj, kiuj dum la lasta jar'deko (1991-2000) gast'igis IJK. (4 poentoj)

La solvojn sendu al: *Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, Kroatio*
Ret'adreso: *<mbelosev@public.srce.hr>*

1. sam- aŭ simil'sencajn vortojn.

## Solvoj de la antaŭa numero (n-ro 2)

1. *vitro, pruno, kontanta*, gracia, salti, tornisto, tondi, milono*, litro.*
2. vendi
3. paroli, parolo, parola, parole, parolado, parolilo, parolema, parolist(in)o, fiparoli, paroligi, parolaĉi, parolturno, parolsono, paroltubo, senparole...
4. prunti sumon kun interezo de 5 %, havi intereson pri artoj / damaĝo de mil dolaroj pro hajlo, Post domaĝo venas saĝo. / Teroro silentigas homojn, Lin kaptis teruro.*
5. *kuras, flugas, helike rampas, (mal)rapidas, galopas, sin tren(aĉ)as...*
6. alte taksi ies kapablon, laboron*
7. Veninte hejmen mi elmetis aĉetitajn varojn.
8. Bonvolu ripeti. Mi ne komprenis la vorton ... *
9. Thomas Alva Edison (Usono)
10. *Keppel E.Enderby*
11. e n – post e no – posteno / eno (japana mon'unuo)

**: ekzistas ankaŭ alia(j) ĝusta(j) solvo(j).*

*Otokar Batliĉka*

# LA RID'ET'EMA DIK

Estis momentoj, dum kiuj kun sia ĉiama rideto Dik Petersen estis eĉ mal-simpatia. Tiu ulo ridetus plej ver'ŝajne eĉ dum en-tomb'igo.

Li estis brun'iĝ'inta homo, eĉ sur la vasta maro ĉiam bone raz'ita, kun klaraj bluaj okuloj, kiuj kelk'foje strange griz'iĝis. Kaj tio ĉiam estis signo de io malbona! Tiam la kutima rideto de la direkt'isto Dik Petersen ŝanĝ'iĝis en malican[1] grimacon[2], kiun oni povas vidi sur bildoj de ĉinaj dioj. Sed alie li estis viro tre taŭga por sia laboro.

La tri-masta[3] vel'ŝipo Olaf neniam havis pli bonan direktiston.

Okazis – ŝajnas al mi – en junio, kiam, dum sia vojo tra la Pacifika Oceano, la ŝipo ankris[4] en haveno. La duono de la ŝip'an'aro estis en la urbo kaj la aliaj enuis sur la ŝipo. Estis sufoka[5] varm'ego. Ni ofte re-freŝ'igis nin sub duŝ'ilo[6], tio signifas: sub barelo[7] kun akvo, kiu estis lig'ita al ŝnuro, kaj se iu tiris ĝin, akvo verŝ'iĝis sur lin. Sed tiu simpla maniero al multaj el ni ne sufiĉis.

"Hej, Petro" vokas la juna maristo Rolf. "Petro, ni iru naĝi! Rigardu la maron – kiel spegulo!"

"Mi irus, sed vi scias, ke ni ne rajtas – ĉi tie troviĝas ŝarkoj[8]!"

"Ĉu ŝarkoj? Rigardu en la akvon! Oni povas vidi ĝis la fundo. Ni ne naĝos mal-proksimen, venu!"

Per ek-salto de sur la ligna, fina parto de ŝnur'eskalo[9] la knaboj saltas en la akvon. Ili ambaŭ estas bonaj naĝ'antoj. Per fortaj movoj ili naĝas en la klara akvo; post mom-



ento ili estas jam preskaŭ cent metrojn for de la ŝipo.

"Petro, rigardu! Ridetema Dik rigardas al ni de sur ŝipo. Certe sekvos longa instru'parolo. Sed li ridas – tio estas bona!"

"Tute ne, li tuj komencos! Li jam havas la parol'tubon en la mano."

"Hej, knaboj! Vi bone naĝas. Faru konkurson! Kiu estos la unua ĉe mi, sur la ŝipo, ricevos dolaron[10] kaj posttag'meze rajtos iri en la urbon. Kiam mi diros: ek – komencu! Atentu! Ek!"

La jun'uloj, avidaj je la promes'ita premio, eknaĝas. Per ĉiuj fortoj ili batalas por la venko. La direktisto Petersen stimulas[11] ilin per vok'ado:

"Rap! rap![12] Knaboj, hej! hej!"

La knaboj rapide al-proksim'iĝas al la ŝipo. Jam nur kelk'dek metroj mankas ĝis la ŝnur'eskalo. Petro iom post-restas, sed la forta voĉo de la direktisto stimulas:

"Hej, Petro! Pli rapide! Laboru pli per la kruroj, un', du, un', du! Knaboj, du dolaroj por tiu, kiu venkos!"

La knaboj pliigas la pen'adon.

Kiel unua grimpas sur la ŝipon Rolf, tuj poste sekvas Petro.

"Mi venkis, sinjoro Petersen!" ĝoj'krias Rolf. "Du dolaroj kaj libera posttagmezo!"

Sed kio estas? La klaraj bluaj okuloj de Ridetema Dik subite griz-iĝas kaj lia kon'ata rideto ŝanĝiĝas en tim'igan grimacon. Sur la bruna frunto de Petersen trem'brilas ŝvit-gutoj. Per laca movo li for-metas la paroltubon.

"Jen, vi do venkis, karaj knaboj. Vi venkis ambaŭ!" La dekstra mano de Petersen montras al la maro. Mal-supre, ĉe la fino de la eskalo naĝas du grand'egaj ŝarkoj!

"Vi, stult'uloj[13]! Vi naĝis ne por du dolaroj, sed por viaj vivoj! Mi jam vidis kiel, de malproksime, tiuj best'aĉoj proksim'iĝas al vi. Se mi avertus vin kaj atent'igus vin pri ili, pro timo vi povus fari eĉ ne unu movon, sed por du dolaroj kaj ekstra[14] for-permeso vi naĝis kiel diabloj[15]. Mi tim'tremis, kiu el vi mal-venkos kaj..." La vizaĝo de Ridetema Dik ŝanĝiĝis en vizaĝon de Budho.

"Ĉiu el vi pagos du dolarojn de pun'pago kaj duon'jaron vi ne rajtos fari eĉ unu paŝon al la bordo pro mal-obeo de mal-permeso pri naĝado en la maro!"

Du minutojn post tiuj vortoj la vizaĝo de la direktisto Dik Petersen denove dolĉe ridetis.

Tradukis kaj adaptis:
*Dieter* BERNDT (Germanio)

1. dezir'antan mal-utilon al iu / 2. rid'inde malbelan aspekton de vzaĝo / 3. masto: longa, rekta ligno, kiu tenas velojn (=vento-tukojn) / 4. per fera ilo fiksis ŝipon sur la fundo de maro / 5. malbone spir'ebla pro varm'ego / 6. duŝi: spruc'igi akvon sur sin / 7. granda ronda ujo por flu'aĵoj / 8. grandaj, danĝeraj rabo-fiŝoj / 9. ŝtup'et'aro el ŝnuroj / 10. dolaro: mon'unuo en Usono, ekzemple / 11. pli-vigl'igas / 12. rap! rap!: voko al pli-rapid'igo / 13. mal-saĝ'uloj / 14. kroma, plusa / 15. loĝ'antoj de la malo de ĉiellando; mal-bon'uloj.

**humuro** **el Francio (laŭ la kolekto de Dieter Berndt)**

Malgranda Veronika venas hejmen tute mal-pura.
"Panjo, mi falis en koton."
"Ho vi, mallert'ul'ino! Kaj tio en via nova robo!"
"Nu, mi falis tiel rapide, ke mi jam ne sukcesis de-meti ĝin."

**Ni volas prezenti al vi la plej el-starajn verk'istojn de nia literaturo. Nun ni aper'igas ĉarman verk'eton el *La ĝoja podio*[1] de fama franco *Raymond* S*CHWARTZ* [Rejmon Ŝvarc] (1894-1973)**

# Ĉu malfermi la buŝon?

Por paroli, necesas malfermi la buŝon. Sed kiam oni malfermas la buŝon, ne estas ĉiam por ion diri. Oni povas malfermi la buŝon por manĝi, aŭ trinki, aŭ spiri plenpulme, aŭ por oscedi[2], aŭ esprimi miron, aŭ tute simple por... malfermi la buŝon kiel, ekzemple, ĉe **dent'isto**, kiam oni sidas sur la komforta tortur-seĝo[3]. Tiu-rilate, ĉu mi rajtas rimark'igi, ke la dentistoj ĝenerale estas malbonaj pedagogoj[4]? Por komenci, ili diras al vi: "Malfermu la buŝon!" kaj tiam ili tuj ŝovas inter viajn vangojn tutan aron da fremdaj aĵoj, kaj kiam via buŝo estas plena, ili naive[5] demandas: "En kiu dento vi sentas doloron?" al kio vi povas respondi nur per onomatopeaj[6] gargar'sonoj[7].



Simile ne-kompren'emaj estas la **har'tond'istoj**. Ĉiu-foje, kiam mi sidas sub la blanka tol'aĵo, kvazaŭ ofic'anta pastro dum la vesproj[8], la deĵor'anta[9] art'isto ĝentile for-prenas miajn okulvitrojn, pretekst'ante[10], ke ili ĝenas liajn manovrojn[11], kaj tuj poste li en-manigas al mi amason da gazetoj kiujn, kompren'eble, mi ne povas legi pro manko de miaj okulvitroj. Vid'ante, ke mi ne deziras legi, li pensas, ke mi emas konversacii[12] kaj tuj li komencas: "Vi ne plu havas multe da haroj, sinjoro!" Tio, evidente, signifas paroli por nenion diri, ĉar mi ne bezonis ateston de specialisto por scii, kion mi scias.



Kaj tio estas la katastrofo[13] de la mondo, ke homoj parolas ju pli, des malpli ili havas por diri kaj kiam ili havas multon por diri, ili silentas!

Vidu la **ge-am'antojn**! – Jen hom'etoj, kiuj dezirus detale priskribi sian feliĉon, el-diri en historiaj vortoj sian amon, sian ĝojon, sian admiron, sian Dio-sciaskion, kaj... ili silentas. Estas vere, ke ili staras sur la sojlo[14] de gravaj decidoj: "Ĉu jes? Ĉu ne?" – kaj saĝe konsilas la proverbo, ke antaŭ ol diri iun definitivan stultaĵon[15], oni devas turni almenaŭ sep-foje la langon en la buŝo.



## humuro

el Francio

(laŭ la kolekto de Dieter Berndt)



En Parizo okazis ekspozicio de modernaj bildoj. Unu el la vizit'antoj longe kaj atente rigardas unu el la bildoj. Poste li demandas la ĉeest'antan pentr'iston:

"Kion prezentas tiu ĉi bildo?"

"Bov'inojn sur paŝt'ejo[1]."

"Ho, jes, jes. Sed paŝtejon mi tie ne vidas."

"Tiun la bovinoj jam for-manĝis."

La vizitanto de-nove longe rigardas la bildon kaj post momento li denove demandas:

"Sed, majstro, mi tie ne vidas eĉ bovinojn!"

"Mi petas vin", diras la pentr'isto, "kial restu tie la bovinoj, se tie jam ne estas herbo?"

**1. loko, kien oni kondukas bovinojn por ke ili manĝu herbon.**

1. alt'aĵo por publika parol'anto / 2. longe el-spiri tra la buŝo; signo de enuo / 3. torturi: intence kaŭzi doloron / 4. eduk'istoj / 5. sen-kulpe kiel infano / 6. voĉojn, kiuj imitas blekojn / 7. engorĝaj sonoj / 8. vesperaj preĝoj / 9. deĵori: funkcii en sia labor'loko / 10. pretekso: ŝajn'kaŭzo / 11. divers'direktajn movojn / 12. inter-paroli / 13. grava akcidento / 14. sur-planka tabulo ĉe pordo / 15. stulta: mal-saĝa.

## Por kursgvidantoj

RUBRIKO DE *TILL DAHLENBURG, Germanio*

Ĉu iam vi legis pri mezepoka folulo, kiu per propra malsatado intencis devigi malamikan taĉmenton kapitulaci kaj forlasi la posedatan fortikaĵon.

Verŝajne li estis nur ŝercema logikulo interpretinta la vortojn de sia princo laŭ sia propra sobra pensado: nur per malsato la fortikaĵo estas okupebla (*"... nisi fame ad deditionem pelleretur"*).

Kvankam en Esperanto, en tiu kazo, oni povas diferencigi inter *"malsat(ad)o"* kaj *"malsatig(ad)o"* por pli-malpli unusencigi la aferon, la fenomeno de duobla logikeco ekzistas – tute logike (!) – ankaŭ en nia lingvo.

Ĝi estas, sur certa tereno, simile dueĝa, dutranĉa, tondileska ( = ✂ ) kiel etnaj lingvoj.

– *Lernigu* vian grupon pri tiu "valoraĵo"!
(= Igu la grupon lern*ANTa*!)
– *Lernigu* tiun fenomenon al via lernantaro!
(= Igu la fenomenon lern*ATa*, t.e. instruu!)

– Ne timu *manĝigi* viajn disĉiplojn per peza mensnutraĵo!
(= Igu la disĉiplojn manĝ*ANTaj*!)
– Risku *manĝigi* ankaŭ malfacile digesteblajn grenojn al viaj gelernantoj!
(= Igu la grenojn manĝ*ATaj*!)

Do, kiel vi jam ĝuste divenas, temas pri pluraj verbaj radikoj transitivaj (vtr) kiel *lerni, manĝi, trinki, koni,* kiuj, ricevinte la sufikson *-ig-* (vtr+ig), fariĝas interpreteblaj aŭ aktive aŭ pasive:

vtr + *ig* ✂ akt. (= -ant-) / pas. (= -at-)

Sed, bedaŭrinde, ne ekzistas regulo sen escepto. Ĉe unuj vortoj de la menciita tipo eblas ambaŭ interpreteblecoj, ĉe aliaj la lingvouzo allasas nur unu el ili, ŝajne sen "logiko" konvinkanta nin (almenaŭ min):

*Aŭdigu* vian voĉon malgraŭ la bruo!
( = faru, ke la voĉo estu aŭdata!)

*Vidigu* la dokumentojn al la policisto!
( = faru, ke la dokumentoj estu vidataj de la policisto, t.e. montru ilin!)

Sekve, nur la pasiva senco enradikiĝis en la lingvouzo:

vtr + *ig* ✂ -at-

Inverse, nur la aktiva senco estas "permesata" (laŭ Plena Analiza Gramatiko = PAG):

Pli bone estas *enviigi* ol *kompatigi* la gekolegojn.
( = zorgu, ke viaj gekolegoj ne kompatu, sed enviu vin; ke ili estu enviantoj, sed ne kompatantoj!)

Ĉe ĉi tiuj du verboj, ekzemple, estas kutima nur la aktiva interpretado:

vtr + *ig* ✂ -ant-

Unu malvirto, feliĉe, ne ludas rolon en Esperantujo – la drinkado. Pro tio, ĉu *drinkigi la vinon al la gastoj* aŭ ĉu *drinkigi la gastojn je vino* estas egalrajtaj frazokonstruoj aŭ ne – tio tute ne gravas. Ni ne ebriiĝu kaj komprenu: ankaŭ nia Esperanto apartenas al la familiaro de interhomaj lingvoj kaj ne emas obei al principoj de la absolute sobra pensado aŭ al la leĝoj de objektiva logiko.

*Till DAHLENBURG, Germanio*

(Tamen, ĉe bezono de nepra neceso oni povas diferencigi klare: *manĝantigu la kokinojn* ( = faru, ke ili manĝu) kaj *manĝatigu la kokinojn* ( = faru, ke oni manĝu ilin. *Red.*)

interesaĵo

# PRI BICIKLOJ

La plej ŝat'ata vetur'ilo de la geknaboj estas biciklo[1]. Ĝi estas relative[2] malmulte-kosta kaj povas ankaŭ servi kiel sport'ilo.

Kion ni scias pri ĝia historio?

La pra-biciklo (sia-tempe nom'ata ankaŭ "ligna rajd'ilo" aŭ "ligna rajdĉevalo") konsistis el du radoj kaj selo (:sid'ilo), la vetur'anto puŝis sin antaŭen, (kvazaŭ pied'iris) per la pendantaj piedoj. Ĝi estis far'ita de franca grafo[3] ***De Sivrac*** en 1790. Ĝi havis nek pedalojn[4] nek stir'ilon[5]. La unua stir'ebla biciklo estis farita de germano post 27 jaroj, sed ĝi ne longe vivis.



Grava dato en la historio de biciklo estas 1838, kiam la skota forĝ'isto ***Kirkpatrick Macmillan*** faris la unuan veturilon, mov'atan per pedaloj (vidu la bildon).

En la 70-aj jaroj de la 19-a jar'cento aperis la mal-simetriaj[6] bicikloj kun



grandega antaŭa kaj malgranda malantaŭa radoj. Per pedal'ado oni movis la antaŭan radon. (Vidu la bildon.)

La formo de la hodiaŭaj bicikloj reiras al la fino de la 19-a jarcento. Tiam aperis la egalaj radoj, la rombo[7]-forma framo[8], la aerotuboj kaj la bremsoj[9] pro la rapideco. Kaj nur lastatempe venis en modon la plur'oblaj dent'radoj, kiuj ebligas ŝanĝi la rapidecon. La biciklo estas tre utila veturilo.



*Zoltan* KURUCZ,
*Hungario*

**1. du-rada malpeza veturilo / 2. kompare al aliaj ne tre, tamen sufiĉe / 3. titolo de alt'rang'ulo / 4. mov'ilojn / 5. konduk'ilon / 6. du partoj spegule ident'aspektaj / 7. kvar'angulo kun egalaj kontraŭ-sidaj anguloj / 8. tio, kio sub-portas la diversajn detalojn, ĉi tie radojn, kot'ŝirm'ilojn, lampojn ktp. / 9. halt'ig'iloj.**

# INTERKULTURO



*Hejm'paĝo:* **http://lps.uniroma3.it/kler**

## *Juna Amiko – bona amiko*

La tuta redakcio[1] de *Juna Amiko* kore salutas vin okaze de via unua-jar'iĝo kaj aparte bon'ven'igas tiujn, kiuj nun al-iĝas al INTERKULTURO. Por la nova jaro ni deziras al vi ĉiuj multajn sukcesojn en la lingvo-lern'ado kaj en ties praktika util'ig'ado. *Kuraĝe antaŭen!!!*

## *Ĉu konkurs'igi Interkulturajn klasojn?*

Kiel vi spertis last'jare, *Juna Amiko* de-komence volas far-iĝi via fidela help'anto.

Jen estas nov'aĵo. Nia malnova germana kun-labor'anto, s-ro *Dieter BERNDT* proponas, en sia lasta letero al la redakcio, **kon-kurson por Interkulturaj klasoj**.

Li proponas mezuri la ag'adon de la klasoj per poentoj. Kaj post ĉiu duona jaro sum'igi kaj publik'igi la kolekt'itajn poentojn kaj premii la plej aktivajn klasojn.

Li proponas mezuri la progreson en la lingvolernado, en inter-klasaj ag'adoj (inter-ŝanĝo de informoj kaj fotoj, desegnaĵoj k.a.). Vi povus gajni poentojn per reciprokaj[2] vizitoj aŭ vojaĝoj al Esperanto-kun-venoj, ekskursoj kaj aliaj. Vi ricevus poentojn eĉ per abono al *Juna Amiko* aŭ per partopreno en diversaj kon-kursoj (vidu la paĝon 16).

## *Kion vi opinias pri la propono?*

Karaj ge-kolegoj kaj geknaboj, ni ne volas mem lanĉi plenan konkurson, sed atendas ankaŭ viajn proprajn proponojn. Ni pe-tas vin baldaŭ sendi ilin al nia adreso (*Juna Amiko, Hitel u.10. fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario*, aŭ rete: *junaamiko@es-peranto.nu*). Ne meditu longe, elektu respond'ec'ulojn kaj sendu viajn proponojn.

Ni esperas, ke la iniciato[3] trovos baldaŭan eĥon en ĉiuj klasoj kaj la konkurso vigl'igos la agadojn en Interkulturo.

**1. redakt'ist'aro / 2. ambaŭ-direktaj / 3. propono komenci ion novan.**

# DIVENU

## PER MATEMATIKO




*Metu sur la tablon kelkajn lud'kartojn laŭ la aranĝo de la ilustr'aĵo. Tio estas, metu kelkajn laŭ rekta linio kaj aliajn laŭ kurba (cirkla) linio, kiu ferm'iĝas ĉe la rekta linio.*

*Poste, petu personon pensi* ***certan numeralon*** *kaj nombru (ne montr'ante per fingro) de* ***A*** *(laŭ sago 1) tiom da ludkartoj, kiom estas tiu numeralo. Poste, de la ating'ita karto renombru, laŭ sago 2, tiom da kartoj, kiom estas la pens'ita numeralo.*

*Vi povas tuj "diveni" la karton, ating'itan de la lud'anta persono, ne-sci'ante la pensitan numeralon.*

*Por tio sufiĉas nombri de* ***B*** *(laŭ sago 2) tiom da kartoj, kiom sin trovas sur la rekta linio.*

<u>Ekzemplo:</u>

- La persono pens'elektas la nombron **8**.
- Li/ŝi nombras **8** unuojn de **A** (laŭ sago 1) kaj atingas la karton **C**.
- Li/ŝi re-nombras **8** unuojn de **C** (laŭ sago 2) kaj atingas la karton **X**, kiu estas la diven'ota ludkarto.

*(Post ĉiu diveno estas rekomend'inde modifi la kvanton de la kartoj, kiuj troviĝas sur la rekta kaj kurba linioj. Tiel oni mal-facil'igas la mal-kovron de la sekreto.)*

*Evandro de* F*REITAS*, Brazilo

# Kiam Kie Kiu Kion en IIK



**K**iu kion faris ĉe sun'sub-iro en la herb'eja koncerto, fine de la Internacia Infana Kongres'eto en Hadassim? Nu, *Zsuzsa* [Ĵuĵa], *Anabella* kaj *Krisztina* [Kristina] bele kantis. Kune kun *Csaba* [Ĉaba] ili distris nin per bela skeĉo ŝerca pri fum'antoj. Hugo, la giganta korvo-pupo, elbek'igis ciganan kanton, kun iom da helpo de *Elisabeth* el Germanio. *Julia* flutis melodion "Ejdelvejso", pli frue ŝi regalis nin per japana teo kaj riz'kukoj, kaj pli poste per kaligrafia skribo de ĉies nomo. *Kristine* el Norvegio pret'igis belan bild'aron pri manĝoj el imag'ita magazeno.

**E**n la hebrea lingvo oni legas de dekstre, same ni nomu la knabin'etojn en la supra foto: *Kristine, Julia, Tina* kaj *Maja*. Antaŭe *Mici* tenas magazenan afiŝon, kiun ili kune kreis. Ŝi kaj *Ran* estis niaj viglaj et'uloj.

*Ideal, Belonia* kaj *Tali*, est'ante pli aĝaj, helpis en la pri-zorgado. Antaŭ IIK, *Karina* kaj *Tina* kune rajdis sur kamelo.

Kion faris ĉiu? Ĉiu **amik'iĝis** – ĉiu **pentris** tol'aĵon, **pret'igis kolĉenojn** kaj **plektis** rubandojn. Ĉiu ofte **naĝis** – jen, en la suba foto, *Davido* salutas vin el la baseno!

**N**un vi scias, kiu kion faris en IIK! Vizitu la hejm'paĝon (*www.uea.org* ĉe *Servoj/Kongresoj/IIK)* por vidi pli da fotoj kaj raportoj!

**I**nform'ilon kaj al-iĝ'ilon por la sekva IIK en Zagrebo ni planas al-doni al ĉi tiu numero de nia revuo. *smg*



# San-Francisco la 31-an fojon!

Ret'mesaĝo de *Anarie White* (14-jara), Richmond, Usono

Ĉi-jare mi partoprenis en la tri-semajna somera Esperanta kursaro ĉe San-Franciska Ŝtata Universitato. La ĉefa organiz'anto estis ***Ellen Eddy*** el Washington en Usono.

La kursaro konsistas el kvar divers'nivelaj kursoj. La unua estas la plej baza kaj la kvara estas tre alt'grada. Mi lernis en la tria kurso. La instruistoj ĉi-jare estis *Spomenka Štimec* el Kroatio, *Grant Goodall* el Teksaso kaj *Dennis Keefe* el Francio. *Reza Kheir-khah* el Irano estis la estro de la noktaj aferoj kaj la konversaciaj rondoj. Mi tre ŝatis ilin ĉiujn.

Partopren'antoj venis el Usono, Ĉinio, Irano, Kroatio, Japanio, Kanado, Afriko, Rumanio, Kosta-Riko kaj aliaj lokoj. Ni kunvenis por studi kaj paroli Esperanton. Mi multe lernis kaj ĝuis ĉion. Vizitu TTT-paĝon: *www.medialabinc.net/nask/nask.htm* !

**juna amiko**

**Internacia Esperanto-revuo de ILEI por lernejanoj kaj komencantoj**

27-a jaro, n-ro 3 (94), 2000

**Aperas 4 fojojn jare**

**Redaktoro: *Géza Kurucz* (Hitel u.10.fszt.16, H-6000 Kecskemét, Hungario)**

**Retadreso: junaamiko@esperanto.nu**

**Vicredaktoro: *StefanMacGill* (retadreso: stefan.macgill@galamb.net)**

**Abona adreso: Juna Amiko, Pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario**

**Eldonanto: ILEI, Stenbockensgata 102, SE-136 62 Haninge, Svedio**

**Lingva revizianto: *André Albault* (Francio)**

**Kunlaborantoj: *s-ino Raita Pyhälä* (Finnlando), *Baldur Ragnarsson* (Islando), *Tatjana Auderskaja* (Ukrainio), *s-ino Jennifer Bishop* (Aŭstralio), *Zoran Čirić* (Jugoslavio), *s-ino Saranath* (Hindio), *Gennadij Basov* (Rusio), *Bardhyl Selimi Mezini* (Albanio), *Till Dahlenburg* (Germanio), *Dieter Berndt* (Germanio), *Rinzo Okumura* (Japanio), *Pekim Tenorio Vaz* (Brazilo), *Evandro de Freitas* (Brazilo), *Zoltán Kurucz* (Hungario), *Bill Mak* (Ĉinio), *Michel Nkwirikiye* (Tanzanio), *Eugenia-Ecaterina Popoviciu* (Rumanio), *Mensah B. Attiogbe-Agbemadon* (Togolando), *José J.Campos Pacheco* (Kubo), *Anja Karkiainen* (Finnlando)**

**Grafikistoj: *Irina Nagy* (Rumanio), *Monika Molnár* (Hungario), *Pavel Rak* (Ĉeĥio)**

**Komputila kolora tekniko: *János Bakk* (Hungario)**

**Farita en Presejo Saluton**

**Chinoin u.20, H-1045 BUDAPEST, Hungario**

**ISSN 0230 1318**

# BESTOJ ĉirkaŭ farmdomo




## FORMU FRAZOJN PER LA VORTOJ!

Ni havas katon kaj du ĉarmajn ludemajn katidojn.
Paĉjo promesis aĉeti al mi hundidon aŭ hamstron.
La geavoj havas du belajn ĉevalojn.
Rato estas malutila besto. Ĝi mortigas kokidojn. *(Daŭrigu!)*